# FEN X

ESPERANTO ★ NEDERLAND

Pak het Ontdek een taal in één week...

**Esperanto zó op zak**







*13a jarkolekto n-ro 2 marto - aprilo 2008*

**REVUO DE ESPERANTO NEDERLANDO**




*Forumo de Esperanto Nederland*

**www.esperanto-nederland.nl**

Dumonata membrogazeto de *Esperanto Nederland.*
ISSN 1384-6515
Membroj de *Esperanto Nederland* ricevas la gazeton; ĝi estas aparte abonebla nur por ne-membroj en eksterlando. Tarifo EUR 15.-
Por tiuj, kiuj tion bezonas, son-kasedoj kun la enhavo estas haveblaj. Informojn donas la sekretario.

**Redakcio:**
H. Bakker, Kastelenstraat 231, 1082 EG Amsterdam, tel./fakso 020- 64 21 853 <hansbakker@raketnet.nl>.

J.K. Hammer, Taxusstraat 7, 1505 AA Zaandam, tel. 075- 616 69 31, <ko.hammer@planet.nl>.

**Esperanto Publike:**
Gazetartikoloj ktp estas bonvenaj ĉe redaktoro Hans Bakker, same kiel informoj pri mencioj de Esperanto en radio kaj televido. Bonv. indiki detalojn.

**Lingva rubriko:**
Emiel Van Damme, Albert 1 straat 44,
BE 1703, Schepdaal, Belgio.

**Teknika redaktoro:**
Julia De Coster, Esperanto-Centro Antverpeno.

**Presado:** Flandra Esperanto-Ligo, Antverpeno.

**ESPERANTO NEDERLAND**
**Sekretario**
Alfonso Pijnacker, Tulpstraat 110, 2841 AE Moordrecht. Tel. 0182 -37 40 58 aŭ 06-513 762 57 // <sekretario@esperanto-nederland.nl>.
**Membro-Administranto:**
Remment Balk, Egeïschestraat 42,
8303 EN Emmeloord. Tel. 0527-23 93 78 // <membroj@esperanto-nederland.nl>.

**Kasisto:** Els ten Hagen-Renses, Middenweg 587, 1704 BH Heerhugowaard. Tel. 072- 571 79 18, <kasisto@esperanto-nederland.nl>.

Poŝtkonto: 37 55 22 nome de ESPERANTO NEDERLAND;
UEA-konto: esne-h

**Informado/informmaterialo:** Ineke Emmelkamp, Arubastraat 12, 9715 RW Groningen.
Tel. kaj fakso: 050- 57 18 842.
Retadreso: <info@esperanto-info.nl>.

**Instrua Servo:** Luit Staghouwer, Julianalaan 25, 9781 ED Bedum. Tel.050-301 40 15, <luitstaghouwer@home.nl>.

**Studie-weekeind:**
<studsemajnfino@esperanto-nederland.nl>

## DATOLIMO:

Materialo por la venonta numero estas bonvena ĝis la fino de marto. Sendu ĝin kiel eble plej frue, tiam vi ege helpas nin. Simpla teksto, kiel en elektrona letero, plej taŭgas, sed ankaŭ aldonaĵoj en "Word" aŭ "Wordperfect" estas bonaj.

Kompreneble ankaŭ "paperaj" kontribuoj estas bonvenaj.

## ENHAVO


2 De la redakcio / Studo-semajnfino / Peto el Afriko.
3 Ĝenerala membro-kunveno / Estrara sciigo / Dokumentoj por la Ĝen. Kunveno / Buĝeto 2008 / Estraraj proponoj.
4 Informiloj / Serĉludo / Alvoko por la Infan-kongreso / Studo-semajnfino / D.F. Romein / Corrie de Jong-van Geet.
5 Claude Piron / Theo Thijssen
6 Geedzoj Molenaar-Heijne / Kigoma en Tanzanio / Recenzo: Ada Fighiera-Sikorska.
X Lingva Rubriko
7 Esperanto Publike / Broŝuro Vas Diaz / Adreso IEI-NGGE / Tranoktado en Rotterdam / Eŭropa Parlamento / Restoracio "Esperanto" / Jilde Stern: Amo ekzistas.
8 REVENANTA PASINTECO
9 Pri Homoj kaj Nomoj.
10-11 Mallongaj komunikoj / Zamenhof-festo Den Haag / Kontakto kun la Asocio.


## Ĉe PAĜO 1:

La belegaj faldfolioj de nia asocio. Vidu paĝon 4.

## DE LA REDAKCIO.

13 - nombro de malfeliĉo. Kaj vere, la 13-a jaro de Fen-X komenciĝis ne sen problemoj. Jam ĉe la lasta numero de 2007 tio ekis, kiam dum la sendado al Antverpeno poŝtaĵoj perdiĝis. Ankaŭ aperis foto sen subskribo, teksto sen bildo, kelkaj misaj vortoj... Mi esperas ke tio ne plu okazos.

En la nuna numero pluraj gravaj komunikoj pri la bonfarto de nia asocio, kiuj bezonas vian atenton. Sed ankaŭ kelkaj mirige imponaj rakontoj de legantoj, kiujn vi nepre ĝuos.

## KIU POVAS HELPI ?

Afrika Centro Esperantista por sia instrua programo bezonas la jenajn librojn:

- Zamenhof, aŭtoro de Esperanto (Marjorie Boulton)
- La Kaŝita Vivo de Zamenhof (N. Z. Maimon)
- Gvidilo por Supera Ekzameno (Alfonso Pechan)
- Historio de Esperanto (Aleksander Korĵenkov)

Se vi havas iujn el tiuj libroj kaj volas disponigi ilin, ni petas informi pri tio al Hans Bakker (vidu la kolofonon).

## STUDO-SEMAJNFINOJ

De la 7a ĝis la 9a de marto okazos Studo-semajnfino. Vidu paĝon 4. Ĉiujare dufoje okazas kursoj en diversaj niveloj, de absolutaj komencantoj ĝis progresintoj, ĉiu estas bovena.

Aliĝoj: Rete: <studosemajnfino@esperanto-nederland.nl>.

Vi ankaŭ povas trovi aliĝ-formularon en la retpaĝo <www.esperanto-nederland.nl>.

Sed se vi preferas paperan formularon, vi povas mendi ĉe: Juri Smolders, Warmoesstraat 7, 1521 CH Wormerveer. Aŭ Telefone: 075-6123471.

Informpetojn vi povos sendi ankaŭ al: Marijke Lathouwers, Kruiszwin 1205, 1788 LE Den Helder, Tel: 0223-643781.

## ĜENERALA MEMBROKUNVENO 2008

**La ĝenerala kunveno 2008 okazos la 24-an de majo 2008 en Utrecht.**

## ESTRARA SCIIGO:

Ĉi-jare, okaze de la ĝenerala kunveno 2008, laŭstatute demisios la estraranoj Ans Bakker-ten Hagen kaj Hans Bakker kaj jam estas konate ke ili ne estos reelekteblaj.

Ĝis nun (fine de januaro 2008) ne estas novaj kandidatoj, do la tri daŭrigantaj estraranoj baldaŭ embarasiĝos.

## DOKUMENTOJ por la JARKUNVENO RETADRESOJ

Se vi havas ret-adreson, kiun la estraro konas, vi ricevos la dokumentojn por la jarkunveno RETE.
La aliaj membroj ricevos ilin nur post skriba peto!

# BUĜETON por 2008.

**La estraro proponas jenajn buĝeton kaj laborplanon por 2008:**

| Elsp. | Enspezoj | Laborplano |
|---|---|---|
| 50 | 3000 | 1.1. Banko / Kapitalo.<br>La investpolitiko estu pli etika kaj pro tio ŝanĝiĝos. |
| 0 | 0 | 1.2. Faulhaberfonduso.<br>Ne estas plano por ion aranĝi. |
| 0 | 0 | 1.3. Mabesoone-Fonduso.<br>La fonduso ne ricevos monon el la asocia kaso.. |
| 1350 | 0 | 2.1. Estraro.<br>Serĉi novajn estraranojn.<br>Pristudi la Internan Regularon. |
| 100 | 8500 | 2.2. Membroj, subtenantoj, eksterlandaj abonoj.<br>Pligrandigi la anaron. |
| 1000 | 0 | 2.3. Membro-kunveno.<br>Aranĝi unu ĝeneralan membrokunvenon. |
| 0 | 0 | 2.4. Arkivo.<br>Ne estas materialo por deponi. |
| 250 | 0 | 2.5. Goslinga-kolekto.<br>Plu ordigi kaj montri dum UK. |
| 0 | 0 | 2.6. Esperanto Publike.<br>Kolekti artikolojn kaj prizorgi rubrikon en FEN-X. |
| 50 | 0 | 3.1. Kaskontrolo.<br>La komisiono kontrolas. |
| 0 | 0 | 3.2. Arbitracio.<br>Labortasko ne estas. |
| 250 | 0 | 3.3. Verloren van Themaat-premio.<br>La ĵurio elektas personon. |
| 4000 | 1000 | 4.1. Informado<br>Liveri informmaterialon al petantoj, membroj kaj ne-membroj.<br>Propagandi por la UK. |
| 8500 | 1500 | 4.2. Instruado.<br>Prizorgi skribajn kursojn.<br>Eldoni novan kursmaterialon pere de NGGE.<br>Aranĝi 2 studsemajnfinojn.<br>Subteni IEI-n por la katedro en la universitato. |
| 4500 | 0 | 4.3. Utiligado.<br>Ne estas plano por kultura aranĝo (Faulhaber-semajnfino).<br>Atento por la biblioteko en la universitato.<br>Akcepto kaj dissendo de brokantaĵoj.<br>UEA prizorgas la libro- kaj abonservon.<br>Eldoni broŝuron por la UK. |
| 4000 | 0 | 4.4. FEN-X.<br>Eldoni 6 numerojn. |
| 500 | 0 | 4.5. Retejo.<br>Prizorgi la paĝaron. |
| 1000 | 0 | 5.1. UEA.<br>Pagi la kotizon.<br>Rezervi vojaĝkostojn en 2009.<br>Kunlaborado por la UK en Roterdamo. |
| 175 | 0 | 5.2. EEU.<br>Pagi la kotizon. |
| 50 | 0 | 5.3. Komerca Ĉambro.<br>Pagi la kotizon. |
| 0 | 0 | 6.1. Fakaj sekcioj.<br>Eventuala subteno el la Mabesoone-fonduso. |
| 0 | 0 | 6.2. Regionaj sekcioj kaj kontaktpersonoj.<br>Eventuala subteno el la Mabesoone-fonduso. |
| 500 | 100 | Ne-atenditaj aferoj. |
| 26275 | 14100 | Subsumo<br>(elspezoj maks. 2x la enspezoj) |
| - | 12175 | Deficito (maks. 7% el la kapitalo) |
| 26275 | 26275 | Finsumo |

## ESTRARAJ PROPONOJ AL LA ĜENERALA KUNVENO 2008:

**1.**
La estraro proponas por la jaro 2008 ne ŝanĝi la asociajn kotizojn, do ili restu:
€ 27,50 por membro-ordinara,
€ 8,00 por membro-samhejmano,
€ 13,75 por NEJ-membro-ordinara,
€ 4,00 por NEJ-membro-samhejmano,
€ 10,00 minimume por subtenanto,
€ 15,00 por eksterlanda abonanto.

**2.**
La estraro proponas, rilate al artikolo 15 de la Statuto, permesi al la estraro bontrove ŝanĝi la investadon (vendi kaj aĉeti firmajn valorojn) sen observo de la limigita sumo de 1134 eŭroj (2500 guldenoj).

**3.**
La estraro proponas, rilate al artikolo 15 de la Statuto, rajtigi la estraron interkonsenti kontrakton kun Internacia Esperanto-Instituto en Hago pri kvinjara (2008-2012) subteno de € 5000,00 jare. Tiu kontrakto koncernas la katedron "Interlinguïstiek en Esperanto" en la universitato de Amsterdamo.

## INFORMILOJ

La asocio posedas tre belajn modernaspektajn informilojn pri Esperanto, kaj ankaŭ paĝo-signilojn kun varba teksto. La informiloj havas la titolon: "Esperanto, zó op zak" kaj ili konsistas el kvar partoj: Ekstera paĝo: "Pak het", kaj tri internaj paĝoj: "Grammatica", "Woordenlijst" kaj "Oefeningen".
Se vi opinias ke vi povos utile uzi ilin, vi povas peti ekzemplerojn ĉe Ineke Emmelkamp.
Vidu la bildon en la frontpaĝo.

## SERĈLUDO 2008 KUN PREMIO !




Sendube inter niaj kotizpagantoj estas entuziasmuloj kiuj ŝatas serĉi kaj foti. Nu, la estraro inivitas vin partopreni en inspira konkurso kiu daŭros ĝis la fino de la nuntempa jaro.
Serĉu Esperanto-vortojn kiuj estas uzataj en la Nederlanda publika vivo.
Sendu vian trovitaĵon per foto aŭ fotokopio kun sciigo pri la trovloko al la sekretario. Ekzemplo estas <Bovo>, teksto sur aŭtobuso de aŭtobusentrepreno Bovo.
La plej sukcesa partoprenanto ricevos premion de EUR 100,00 dum la ĝenerala kunveno 2009.

## ALVOKO: HELPANTOJ POR IIK
### = INTERNACIA INFAN-KONGRESO

Dum en Roterdamo okazos la Universala Kongreso de UEA, la infanoj de esperantistoj povos kunveni en la Internacia Infan-Kongreso, en grupdomo en Oostvoorne, je proksimume 40 kilometroj de Roterdamo. Bert Schumann organizas tiun IIK. Li petas helpon por gvidi grupetojn de 6 infanoj, kaj ankaŭ eventuale instrui, aŭ helpi ĉe instruado de la infanoj. Ili ekskursos, ludos ktp. Se vi volas pli da informoj, vidu la retpaĝon de UEA:
www.uea.org/kongresoj/IIK 2008

Se vi volas aliĝi, vi povas kontakti: Bert Schumann <bert.schumann@free.fr>.

Aŭ kontakti min:
Marijke Lathouwers tel: 0223-643781
Retadreso <lj.lathouwers@quicknet.nl>.

## STUDSEMAJNFINAJ KOTIZOJ

En la antaŭa Fen-X ni skribis pri la plialtigo de la partoprenkotizo. Por membroj de Esperanto Nederland ĝi altiĝos al 55 eŭroj, por ne-membroj al 65 eŭroj. Tio necesas pro la pli altaj luprezoj de la NIVON-domoj. Esperanto Nederland jam subvenciis la lastajn Studsemajnfinojn, sed tio iĝis iom tro. Por instigi ne-membrojn membriĝi en nia landa asocio, la prezo estas por ili pli alta. Sed ekzistas ankaŭ ne-membroj kiuj estas abonantoj de Fen-X. Ankaŭ abonantoj rajtas partopreni kontraŭ la sama prezo kiel membroj, do 55 eŭroj. Kaj venas ofte alia kategorio al niaj Studsemajnfinoj: la tre alte estimataj eksterlandanoj! Estas kompreneble ne ĝuste instigi ilin membriĝi al fremdlanda asocio, kaj verŝajne ili jam estas membro de la landa asocio de sia propra lando. Do ankaŭ ili pagos "nur" 55 eŭrojn.
Marijke Lathouwers / Joeri Smolders

## LA VENONTA SEMAJNFINO:

De la 7-a ĝis la 9-a de marto 2008, NIVON-domo Krikkenhaar, Krikkenhaar 11, 7627 PA Bornerbroek.
Kostoj: Membroj de Esperanto Nederland: € 55.
Ne-membroj: € 65. Antaŭpagenda estas:
membroj: € 35, kaj ne-membroj: € 45.
La aliĝadreso estas: Juri Smolders, Warmoesstraat 7, 1521 CH Wormerveer. Retadreso: <studsemajnfino@esperanto-nederland.nl>.
Eblas aliĝi rete: <www.esperanto-info.nl> .
Por informoj oni povas ankaŭ telefoni al Marijke Lathouwers, 0223-643781.
Retadreso: < lj.lathouwers@quicknet .nl>.

## D.F.ROMEIN,
## ESPERANTIST VAN HET EERSTE UUR



En la revuo "De Drie Steden, regionaal historisch tijdschrift voor het Rivierenland" n-ro. 4 de 2005 aperis artikolo kun la supra titolo, kun foto de la unua estraro de la nederlanda unuiĝo La estonto estas nia.
Restas ĉe mi ankoraŭ kelkaj ekzempleroj, kaj mi volonte sendos ekzempleron al tiuj, kiuj tion deziras.

Ko Hammer.

## CORRIE DE JONG-VAN GEET

La 28-an de decembro mortis Corrie de Jong-Van Geet, 91-jara, en Hago. Ŝi falis kelkajn tagojn antaŭe kaj rompis la kokson. Post operacio ŝi mortis en la sekvanta tago. La kremacio okazis la 4-an de januaro en Rijswijk, kie ŝi kaj la edzo Aad de Jong jam longan tempon vivis. La salono estis plenplena. Dum la adiaŭa ceremonio pluraj familanoj reliefigis ŝian optimisman, gajan, malferman, bataleman kaj helpeman karakteron kaj ankaŭ ŝian laboron en NIVON kaj PvdA-virina grupo. Post la sonoj de Matenruĝo, Ek al la lum`! kaj la romanĉo de Beethoven, oni adiaŭis ŝin.
Esperantistoj bone konas ŝin el la iamaj semajnfinoj de FLE kaj la kongresoj de SAT, kie ŝi ĉiam gaja kaj laborema ĉeestis. Ni kondolencas al Aad kaj la gefiloj kaj esperas ke ili trovos forton.

BdW.

## CLAUDE PIRON 1931-2008

Claude PIRON estis svisa esperantisto, naskiĝinta en 1931 en Namur (Belgio) kaj forpasinta la 22-an de januaro 2008 en Svisio. La funebra meso okazis la 25-an de januaro en la katolika kapelo de Gland (VD), Svisio.



Li estis lingvisto kaj psikologo, kaj de 1956 ĝis 1961 estis tradukisto por Unuiĝintaj Nacioj (el la ĉina, el la angla, el la rusa, kaj el la hispana al la franca). Estis membro de la Akademio de Esperanto, honora membro de UEA kaj membro de Esperantlingva Verkista Asocio.
Post sia laboro ĉe UN, li laboris por Monda Organizaĵo pri Sano tra la mondo, kaj aŭtoris multajn Esperantajn verkojn. Li ankaŭ uzis Esperanton en multaj landoj, inkluzive de Japanio, Ĉinio, Uzbekio, Kazaĥlando, kaj kelkaj lokoj en Afriko kaj Latina Ameriko, kaj preskaŭ ĉiuj eŭropaj landoj. Li instruis Esperanton ĉe la Ŝtata Universitato de San-Francisko.
Li estis psikoterapiisto kaj instruis en la psikologia fako de Ĝeneva Universitato (Svislando), de 1973 ĝis 1994.
Lia verkaro inkluzivas lernolibrojn, facilaĵojn, romanojn, novelojn, poezion, faktolibrojn, kaj artikolojn. Liaj plej famaj verkoj estas Gerda Malaperis kaj La Bona Lingvo. Li ankaŭ verkis romanojn sub pseŭdonimo Johán Valano.
Gerda Malaperis estas romaneto, lernolibro kiu uzas bazan gramatikon kaj estas aranĝita tiamaniere, ke ĉiu ĉapitro plifaciligas la komprenon de la posta, ĝi laŭgrade kondukas al sperta Esperanto; fine, vortlistoj ekzistas por kelkaj lingvoj, do komencantoj facile sekvas la lecionojn. Ĝi jam iĝis bazo de unu el la senpagaj retpoŝtaj kursoj.
En La Bona Lingvo, Piron kaptas la bazajn lingvistikajn kaj sociajn aspektojn de Esperanto. Li tezas, ke Esperanto pli facilas ĉar ĝi respegulas bazajn mensajn principojn rilate al lingva lernado, interalie kaj plej grave, la ĝeneraligo de gramatikaj formoj kaj reguloj. Li argumentas kontraŭ enporto de novaj radikoj, montrante la esprimpovon de baza vortprovizo kaj imagema kunmetado.
Piron tradukis kantojn el pluraj lingvoj kaj fojfoje mem prezentis ilin, akompanante sin per gitaro. En 1982 ĉe LF-koop,aperis lia son-kasedo "*Frandu Piron*".
El Vikipedio

## THEO THIJSSEN kaj ESPERANTO.

Nia membro Piet Damman memoris ke la aŭtoro de la Librosemajna donaco (Theo Thijssen kiu verkis i.a.: "De gelukkige klas") havis rilaton kun Esperanto.
Post multe da serĉado Piet aldonis la jenan tekston al Wikipedia nederlandalingva kaj tradukis ĝin al Esperanto por Vikipedio-Esperanto. Samklubanoj helpis lin.

Theo Thijssen was ook esperantist en ging vooral aan het nut van de internationale taal Esperanto geloven door zijn ervaringen op internationale onderwijzerscongressen, die hij vanaf de jaren twintig bezocht. Met al dat getolk ging immers akelig veel tijd verloren. In april 1929 deed Thijssen in De Bode, het door hem geredigeerde blad van de onderwijzersbond, verslag van een internationaal congres in het Zwitserse Bellinzona. Elke rede moest nog eens door tolken in minstens twee andere talen worden herhaald, met alle verminkingen van dien. "Ach, het marchéért wel," aldus Thijssen. "Maar een vlotte manier van congresseren is het niet; en degenen die hun moedertaal kunnen spreken hebben toch héél wat voor op ons arme Serviërs en Bulgaren en Hollanders. Waarschijnlijk zijn we in ons land geen stakkerds, als we het woord moeten voeren, maar op zo'n congres, daar slaan we een pover figuur. Nee, dan Goldstone, en Dumas, en Roussel, en Wolff, en Müller, wat kunnen die lekker vlot en helder hun gedachten uiten... Het zou toch alvast heel wat rechtvaardiger zijn, als we allemaal verplicht waren in het Esperanto te stotteren."

**Theo Thijssen kaj Esperanto**

De 1921 ĝis 1939 Thijssen estis ĉefa estrarano de la sindikato de la nederlandaj instruistoj kaj vizitis ofte in-



ternaciajn kongresojn. Pro siaj spertoj en tiaj kongresoj li ekkredis je la utilo de Esperanto. En 1929 Thijssen en la "sindikatgazeto" raportis pri internacia kongreso en la svisia Bellinzona. Ĉiu parolado devis esti ripetita per interpretistoj en minimume du aliajn lingvojn kun ĉiuj mutilaĵoj tiel kaŭzitaj. "Ĝi ja marŝas" diris Thijssen, sed certe ne estas glata maniero de kongresado, kaj kiuj povas paroli en sia propra patrinlingvo havas grandegan avantaĝon super ni kompatindaj Serboj kaj Bulgaroj kaj Nederlandanoj. Verŝajne ni ne estas kompatindaj en niaj landoj, se ni devas paroli, sed al tia kongreso, tie ni faras malfavoran impreson. Sed tiuj Goldstone, kaj Dumas, kaj Roussel, kaj Wolff, kaj Müller, kiel agrable facile kaj brile ili povas esprimi siajn pensojn! Estus jam multe pli juste, se ni ĉiuj estus devigitaj balbuti en Esperanto.
La antaŭa Ŝtatpremio por infan- kaj junulliteraturo estas nomita laŭ Thijssen, kaj nun la nomo estas Theo Thijssen-premio . En lia naskiĝdomo, Eerste Leliedwarsstraat 16 en Amsterdam en 1995 estis malfermita la Theo Thijssen-Muzeo.
Elŝutita el: <http://eo.wikipedia.org/wiki/Theo_Thijssen>
<http://nl.wikipedia.org/wiki/Esperanto>

Piet Damman

(Tekst in overleg met Piet Damman vastgesteld.)
bildo: Thijssen kun nepo de amiko.

## GEEDZOJ MOLENAAR-HEIJNE

Komence de februaro la geedzoj Jan Molenaar kaj Trien Molenaar-Heijne festis la 60-jaran jubileon de sia geedziĝo.




Kune ili vivas en malgranda domo, preskaŭ kaŝita en antikva flankstrateto en Krommenie. Iam tie ankaŭ vivis 9 infanoj, kiuj dormis en la subtegmentejo. Oni apenaŭ povas kredi tion!

Trien estas fervora esperantistino, kaj ekde sia aliĝo preskaŭ neniam mankis en la kunvenoj de la klubo en Zaanstad, kiom ajn grandaj kelkfoje estis la problemoj. Eĉ kvar operacioj pri la kokso ne malhelpis al ŝi viziti la kunvenojn.

La liberan tempon ili ĉiam uzas por helpi al bonaj celoj, pro tio ili ambaŭ estas membroj de la ordeno de Oranje-Nassau. Kredeble ĉi tiuj modestaj homoj estas la plej riĉaj kaj feliĉaj homoj en nia lando.

Niaj sinceraj gratuloj akompanu ilin! / JKH.

## KIGOMA EN TANZANIO

En FEN-X de jan/febr. 2001 mi legis alvokon de belga fratulo por muzikiloj en rifuĝejo en Kigoma (Tanzanio, Afriko).

Mi petis en la virina asocio en Heiloo kolekti superfluajn neuzitajn muzikilojn. Kaj mi sendis ilin kiel poŝtpaketon al fratulo Stan en Afriko. Mi ricevis dankleteron, la virinoj de la asocio opinias: "Ili estas sur la ĝusta loko!" Ili estis tre kontentaj ke la homoj havas plezuron de la muzikiloj. Kelkfoje mi skribis al fratulo Stan. Pasintan vintron mi ricevis bultenon de li. Li laboras en malfacilaj cirkonstancoj.

En mia lasta kristnaskletero al li, mi skribis pri la Esperanto-projektoj i.a. "Zienderogen", <www.eenschoolintogo.nl>, la akvofonta projekto de Mramba Simba Nyamkinda en Tanzanio, kiu estas videbla en Vikipedio. Ĉu eble en la mondo ekzistas E-grupo kiu povas helpi?

Hodiaŭ mi ricevis elektronan poŝtaĵon de li. Li skribis, mi citas: "Hans Bakker el via lando kontaktis multajn jarojn esperantlingve kun grupoj en la rifuĝejoj. Mi ankaŭ ricevis leteron de Gbeglo Koffi. Bedaŭrinde mi ne povas legi la esperantan leteron de li. Nun mi serĉas junulojn por lerni esperanton por realigi internaciajn kontaktojn en la mondo", fino de la citaĵo.

Karaj legantoj la mondo estas malgranda per esperanto, ĉu ne?

Ans Heijstra-Valkering, Heiloo, januaro 2008.

## LA NEFORGESEBLA ADA FIGHIERA-SIKORSKA

**- RECENZO -**

Ĉiu leganto de la gazeto "Heroldo de Esperanto" ĝis la jaro 1996 konas la nomon de Ada Fighiera-Sikorska. Dum 34 jaroj, ĝis sia morto, ŝi redaktis tiun valoran eldonaĵon, kaj en tiu longa tempo ŝi akiris multege da amikoj inter la esperantistaro. En ĉi tiu eta broŝuro ŝia edzo Gian Carlo Fighiera kortuŝe priskribas la lastajn penigajn tagojn de sia kara edzino, kiun li senteme nomis per la bela pola karesnomo Aduŝka, kaj kiu forpasis pro kancero en malsanulejo.

Ada Fighiera-Sikorska estis patriota kaj kuraĝa filino de patriota kaj kuraĝa patro, nome la pola generalo Władysław Sikorski, kiu mortis en misteraj cirkonstancoj en 1943 (laŭ Gian Carlo Fighiera, en la Katin-masakro). Ŝi naskiĝis en Pollando en 1929, kaj ŝiaj infanaj jaroj estas priskribitaj en ŝia verko "De tajgo al minaretoj". Kun sia familio ŝi estis internigita en Siberio, de kie ŝi, kiam ŝi estis nur 11-jaraĝa, sendis leterojn al sia onklino en Pollando. Tiuj leteroj estas kolektitaj kaj eldonitaj, kaj ŝia edzo skribas, ke la vivo-vera biografia rakonto, bazita sur ili, estas iamaniere komparebla pro historia kadro, drameco kaj infana spontaneco kun la taglibro de Anne Frank.

Tamen la recenzita verketo rilatas ne al ŝia frua vivo, sed al ĝia doloriga fino. Kun granda amo kaj malĝojo, sed samtempe kun tute pravaj admiro kaj fiero ŝia edzo rakontas, kiel tiu kruela malsano senigis nin de unu el la plej admirindaj anoj de nia malgranda kultura komunumo. Estis evidente, ke li faras ĉion eblan por malpezigi ŝian suferon. Li limigis la nombron de samtempaj vizitantoj al ŝia hospitala ĉambro kaj petis, ke ili restu ĉe unu flanko de la lito por eviti, ke Ada turnu la kapon (kio kaŭzis doloron). Li eĉ aranĝis, ke nur florbukedoj ruĝaj kaj blankaj, la koloroj de la flago de la profunde amata hejmlando de Ada estu liverataj al ŝia ĉambro en la hospitalo. (Parenteze, ĉi tie troviĝas bonaj konsiloj por homoj, kiuj devas zorgi pri familianoj aŭ amikoj, kiuj same kiel la patrino de mia edzino simile estas mortontaj pro tiu senkompata malsano.)

Post la morto de Ada estis plurloke raportite pri la hontinda konduto de la homo, al kiu estis transdonitaj la posedo kaj redaktado de la gazeto "Heroldo de Esperanto". Gian Carlo ne povis ne mencii tiujn perfidadon kaj ofendadon al la memoro kaj al la sindona laboro de lia nobla kaj karega edzino.

Ĉiu generacio devas relerni la lecionon, ke la indiferenta universo ne garantias justecon al siaj gefiloj. Tiom ofte la plej bonaj personoj en la mondo estas submetataj al homa kruelaĵo, korpa doloro kaj seniluziiĝo. Kiam mi studis la portugalan literaturon, mi lernis soneton de Luis de Camões, la nacia poeto de Portugalio, kiun oni povus tiel traduki:

*Bonulojn ĉiam vidis mi*
*Suferi pro peza turmento*
*Sed eĉ pli surprizis min*
*Ke ofte naĝas malbonul'*
*en maro de plena kontento ...*

Ni multegon ŝuldas al tiuj, kiuj donas al la homaro tiel dediĉitan servon kaj tiom noblan ekzemplon kiel Ada Fighiera-Sikorska. Pacon al ŝia cindro.

Garvan MAKAJ

**Gian Carlo Fighiera: La lastaj tagoj de Ada, Aduŝka. Dua eldono. Eld. UEA, Rotterdam, 2006. 32 paĝoj vinktitaj, ISBN 92-9017-094-8.**
**Prezo ĉe FEL: 2,50 eŭroj + afranko.**

## ESPERANTO PUBLIKE

La unua artikolo pri la Universala Kongreso aperis en la nederlanda gazeto "Zondagochtendblad" de la 20-a de januaro. Temas pri gazeto en Beverwijk kaj evidente Rob Moerbeek, loĝanta tiuloke, "kulpas" pri tiu sukceso. Li profitas la okazon anonci kurson por komencantoj kiuj volas ekzerci en Rotterdam. Tutpaĝan artikolon pri Andreo Cseh publikigis "De Gelderlander", eldono en Arnhem, de la 22-a de novembro 2007. Kun granda, bela foto pri la juna Cseh ĝi viciĝas en serio "Arnhemse kopstukken", kiel 41-a artikolo. Arnhem ja estis la loko de la bieno Presikhaaf, donaco de la urbestraro al IEI. Ĝis 1941 ĝi estis grava centro por la kursoj de IEI.

De la historio al la nuntempo: Jaap van der Laan sendis kopion el la gazeto "Computeridee", nr. 12/2007 pri Pasporta Servo. Ĝi dividas la paĝon kun artikolo pri Servas, la pli granda frato de Pasporta Servo. Eddy van den Bosch, Belgujo, verve rakontas pri siaj spertoj kun P.S.

Ĉu mankas ĉi-monate en nia rubriko informoj el Heiloo? Tute ne. La plej interesa artikoleto aperis en "Noordhollands Dagblad" de 22-12-2007, kiu rakontas pri renkontiĝo de Ans Heijstra kun paciento en la loka malsanulejo. Tiu sinjorino sciis nur la francan kiel fremdan lingvon, veninte el Lomé, la ĉefurbo de Togolando. En la hospitalo oni parolas nur la anglan. Ŝi sentis sin sola, perdita ĝis ŝi trafis la esperantistinon. Tiu uzis simplan Esperanton, ŝi mem uzis francajn vortojn, kaj tiel ili interkompreniĝis. La artikoleto aperis ankau en Leiden kaj en ĉiuj lokaj versioj de NHD en Norda Holando.

La senpaga anonceto en "De Geestmolen" ĉi-monate trafis la saman kordon, dirante:

"Vluchtelingenopvang- De kortste weg tot een gesprek is de neutrale taal Esperanto.

Kijk op www.esperanto-nederland.nl." // Hans Bakker

## BROŜURO VAS DIAZ

Aldone al la artikolo pri Jac. M. Vaz Dias en la lasta numero de Fenikso mi sciigas, ke tiuj, kiuj ne disponas la bros`uron, povos legi g`in en la retejo de Esperanto Noord-Nederland sub la rubriko Ligiloj: <http://pingveno.nl/klubo/brochureVD.pdf>

nome de Esperanto Noord-Nederland, Koos Scharroo.

## INTERNACIA ESPERANTO-INSTITUTO / NGGE

Nia nova retadreso estas:

<iesperanto@versatel.nl>.

## TRANOKTADO en ROTTERDAM

Por tiuj kiuj ne jam havas tranoktejon por la UK. La komunumo havas tranoktejon je kelkcent metroj de la centra stacidomo kaj milkelkcent de la ejo "beurs/wtc". Ĝi nomiĝas mafkees (pr: mafkés, signifo plimalpli dormfrenezulo), kostas dek eŭrojn nokte inkluzive de matenmanĝo kaj duŝo, kaj havas 144 lokojn en du dormĉambregoj t.e. unu miksita kaj unu nur por inoj. ONI PREFERE MEM KUNPORTU DORMSAKON.

Ĝia retejo estas <http://www.only10euroanight.nl> retadreso <mafkees@jip.nl>. Ĝi estas malfermata nur en julio kaj aŭgusto, kaj dum specialaj eventoj.

Ronaldo Nobel.

## AMO EKZISTAS

Mia 5-a kontribuo al "La Fromaĝokloŝo", la gazeto de la Esperanto-klubo de Alkmaar, (jan. 2001), estis:

"Esperanto estas scii ke ekzistas amo."

La ŝlosila vorto en tiu ĉi frazo estas la vorto "scii".

"La scio"n oni povas parafrazi kiel: esti informita pri afero aŭ koni ĝin. Sed kiel oni akiras konon? Ni reiru al la infanjaroj!

Ekzemplo: Kiel la infano lernas glui pneŭmatikon?

Infanoj lernas per la ago laŭ indikoj de la edukanto. Tiu montrante faras kaj riparas la pneŭmatikon per sinsekvo de agoj. Poste li petas la infanon imiti tiujn agojn. La infano rememoras la indikojn kaj ripetas la sinsekvon de la agoj.

La infano akiras konon pri "la gluado de pneŭmatiko" per la uzado de pneŭmatikgluiloj.

Resumo: La koncepto "scii" rilatas al la konceptoj "memori", "imiti" kaj "kompreni".

Demando: Ĉu tiu ĉi scio validas ankaŭ por la eldiraĵo "la scio ke ekzistas amo"?

Mi pensas ke jes. Sed kiel?

Demando: Ĉu vi povas memori okazaĵon ĉe kiu vi ricevis helpon neprofitcelan?

Se iu bezonas helpon en via ĉirkaŭaĵo, tiam vi rememoros tiun helpon, kiun vi havis tiutempe.

La penso/ideo: "kio estas bona por mi estas bona ankaŭ por la aliulo" estas bona gvidilo por agi, por ke ni diru kun multaj: "mi memoras ke ekzistas amo".

Lic. Jilde Stern-Agema

## ESPERANTO-RESTORACIO

Arno Wereldsma kun sia filo Cas malfermis restoracion "Esperanto" en Haarlem, Lange Veerstraat 17.

"Ni ĉi tie prezentos manĝojn el diversaj kulturoj, kaj ni ofertas vinojn el ĉiuj kontinentoj".

Tion komunikis Haarlems Dagblad la 10-an de januaro 2008.

<http://www.haarlemsdagblad.nl/nieuws/uitgaan/uit_eten/article2961820.ece >

## EKSPOZICIO en la EŬROPA PARLAMENTO

En la Eŭropa Parlamento en Bruselo la 30-an kaj 31-an de januaro videblis ekspozicio pri la temo "Esperanto kiel perilo de translimaj junularaj kontaktoj". La ekspozicio povis okazi pro subteno de Ljudmila Novak, slovena ano de la Eŭropa Parlamento. Ŝi mem lernis Esperanton en sia junaĝo, kaj plu simpatias al la lingvo, kvankam ŝi ne aktive parolas ĝin. La ekspozicion praktike organizis kaj financis Eŭropa Esperanto-Unio, kaj la inaŭguron ĉeestis Seán Ó Riain, prezidanto de EEU kaj irlanda diplomato, kiu antaŭ nelonge estis taskita direkti la retan sekcion de la ĵus kreita irlandlingva tradukservo de la Eŭropa Komisiono.

La ekspozicio estis tre sukcesa, sed ĝi kostis 2000 eŭrojn. La buĝeto de EEU ne antaŭvidis tiun ŝancon profiti la okazon, kaj la estraro de EEU esperas ke iuj pro entuziasmo sendos al EEU donacon por ŝtopi la deficiton.

Tiuj kiuj volas kontribui povas sendi  donacon al la konto de EEU ĉe UEA (eece-p). La ĝirkonto de UEA Rotterdam estas 378964.

## REVENANTA PASINTECO.

En la antaŭa numero de Fen-X mi petis vin verki artikoleton kun tiu titolo. Ĉifoje tuj du respondoj venis. Iom ili similas, sed mirige granda estas la diferenco inter ili. Dum en unu rakonto la faktoj estas gravaj partoj de la aktuala vivo de la koncernaj homoj, en la dua rakonto ili perdiĝas en la nebulaj cerboj de maljunulo. Tamen ambaŭ rakontoj estas tiom veraj, ke ili povus esti partoj de la vivo de parencoj aŭ amikoj...! Dankon al la du verkintoj: Luit Staghouwer kaj Hilde van der Meer.

Poste venis tria reago de Anneke Schouten, kies fantazio iris en tute alia direkto. Ŝian rakonton ni poste uzos.

### Revenanta pasinteco

"Ĉu vi memoras mian nomon? Jam estas antaŭ jardekoj kiam ni kune vizitis la lernejon. Mi esperas ke vi akceptos la inviton por viziti min, ĉar mi havas kelkajn gravajn aferojn kiujn mi volas priparoli kun vi...". Jen la teksto de letero kiu memorigis min pri mia juneco. Ne, ne temas pri miskompreno. La titolo plaĉis al mi, same kiel la ideo de la ricevita letero. Sed rakonti pri mia juneco, eĉ se mi tute libere povas krei ĝin, ne vere plaĉas al mi. Feliĉe en nia lando estas preslibereco kaj pro tio mi nun raportas pri letero, kiun ricevis mia maljuna patro. Regule mi vizitas mian patron, kiu loĝas en prizorgoloĝejo. Enirinte lian ĉambron, mi kutime unue salutas lin, poste demetas mian jakon kaj post tio mi preparas kafon. Dum la odoro de la kafo plenigas la malgrandan ĉambron, mi sidiĝas vide al vide de mia patro. Tiam mi klopodas ekscii kiel li fartas kaj ĉu eble okazis io eksterordinara dum la pasintaj tagoj. La respondo plej ofte estas pli-malpli jena: "Ĉi tie neniam io okazas". Kaj post mallonga paŭzo li daŭrigas: "Mi fartas kiel 87-jarulo, kaj tiom da jaroj mi hazarde havas". Tion li diras sen spuro de amareco en sia voĉo. Li estas kontenta pri sia vivo kaj akceptas ke la lastaj jaroj ne plu estas same agrablaj ol ili iam estis. Dum ni kaftrinkas li ŝovas al mi ankoraŭ fermitan koverton. Venis letero, sed mi ne scias de kiu. "Bonvolu malfermi kaj voĉlegi ĝin". Mi prenas la koverton, turnas ĝin kaj voĉlegas la nomon kaj adreson de la sendinto: S-ino Susan Welling, Nov-Zelando."Mi neniun konas en Zelando", mia patro diras. Mi eksplikas ke Nov-Zelando troviĝas je la alia flanko de la tero, apud Aŭstralio. Al li estis egale, ankaŭ tie li neniun konas. Mi malfermas la koverton kaj elprenas leteron kaj foton de maljuna paro: sinjoro en rulseĝo kaj iom tro peza, afable aspektanta sinjorino. Mi malrapide voĉlegas la leteron. "Kara Rikkie," mi legas. Pri tio mi miras. La oficiala nomo de mia patro estas Frederik, sed mi konas lin kiel Fred aŭ Freddie. Dum momento mi paŭzas, sed mia patro ne reagas. Mi daŭrigas la legadon. Antaŭ proksimume 70 jaroj la familio de Suzanne ("Vi nomis min Suus, ĉu vi memoras?") elmigris al Kanado. De tiam ŝi nomigis sin Susan. Ŝi edziniĝis, sed ŝia edzo june mortis. Ok jarojn poste ŝi renkontis la nunan edzon kaj ili kune translokiĝis al Nov-Zelando. Pasintan monaton ŝi renkontis filinon de komuna konatulo kaj tiel Susan eksciis ke mia patro ankoraŭ vivas kaj kie li loĝas. Ŝi decidis sendi leteron al sia iama koramiko. Mi dubas ĉu mia patro komprenas kiu estas la sendinto de la letero. Ĉu li aŭskultas min? En sia iomete tremanta mano li tenas la foton. "Mi ne konas tiun virinon", li diras. "Tamen," mi respondas, "mi ĵus legis ke vi, "Rikkie" kun tiu "Suus" ĉiutage bicikle iris al la lernejo kaj ke vi ofte kune sketis kaj naĝis. Sed tio okazis kiam vi ankoraŭ estis junulo". Pacience mi plurfoje ripetas kelkajn liniojn de la letero esperante ke li sukcesas aperigi en sian memoron la junan amikinon. Por ne tro lacigi mian patron mi ŝanĝas la temon kaj ni babilas pri la vetero kaj cetero. Kaj kiel kutime ni ankaŭ regule silentas. Sed pro lia spiritforesta rigardo mi rimarkas ke li ankoraŭ okupiĝas pri la letero. Kiam mi adiaŭas li denove tenas la foton en sia mano kaj mallaŭte ion diras. Ĉu al mi, ĉu al "Suus"? Mi ne scias. Mi decidas ne ĝeni ilin kaj singarde fermas la pordon.

Luit Staghouwer, jan. 2008.

### Revenanta pasinteco

"Ĉu vi memoras mian nomon? Jam estas antaŭ jardekoj kiam ni kune vizitis la lernejon. Mi esperas ke vi akceptos la inviton por viziti min. Ĉar mi havas kelkajn gravajn aferojn kiujn mi volas priparoli kun vi." Kiam mi legis la subskribon "Ankie", mi sciis ke mi akceptos la inviton. Ankie loĝis ie en Groningen. Ankie ? mia koro ankoraŭ batas pli rapide kiam mi aŭdas aŭ legas ĉi tiun nomon. En la kvara klaso de la mezgrada lernejo mi estis tiel enamiĝinta al ŝi ke mi neglektis mian studon kaj ne avancis en la lernejo. La amo estis reciproka, Ĉiun liberan minuton ni estis kune kaj amindumis "la stelojn el la ĉielo". Tre romantike ni kelkfoje pasigis la nokton en la arbaro, dormante sur matraco de maldikaj branĉoj. Mia patro ne aprobis kaj li sendis min al iu severa internulejo en Brabanto. Ankie kaj mi sendis leterojn unu al alia, sed subite ŝi ĉesis skribi. Ĉar mi ĵus renkontis la knabinon kiu poste iĝis mia edzino, mi ne reagis. Sed nun, ĉe ĉi tiu letero ĉio reaperis. Mi telefonis al ŝi por fari rendevuon kun ŝi, kaj kiam mi aŭdis ŝian voĉon mi denove sciis kial mi tiel amis ŝin. Ni interkonsentis ke mi vizitos ŝin en Winschoten. La postan mardon mi veturis al ŝi, serĉis la adreson. Kaj sonorigis. La pordo estis malfermita de agrabla, ruĝhara knabino de dekkvar jaroj. Ŝi petis min enveni. Kiam mi eniris la familian ĉambron mi vidis Ankie kiu sidis sur la benko. Kompreneble ŝi maljuniĝis sed ŝi estis tiel alloga kiel antaŭe en la mezgrada lernejo. Apud ŝi sidis juna viro kiun mi ne antaŭe vidis sed kiun mi iel rekonis. Ankie ekstaris kaj diris: "Bram, mi tre ĝojas ke vi venis. Bonvolu renkonti mian kaj vian filon."

Hil van der Meer, jan. 2008.

## NOVA TASKO:

"La nokto estis ege malluma. Dikaj pluvonuboj kovris la ĉielon, kaj la luno ne povis penetri ilin. Sed en la ĉambro estis agrable varme, kaj mi legis belan libron. Tiam mi aŭdis la sonojn en nia ĝardeno kiuj anoncis gravan ŝanĝon en mia vivo..."

Bonvolu kompletigi la rakonton!

**Brazilio elektis kiel prezidanton Luiz Inácio Lula da Silva.**
**Nomo el ses partoj. Kiel elekti inter ili? Ĉu li estas prezidanto Lula, aŭ prezidanto Da Silva?**
**Poste mi legis en la gazeto; “Lula promesas helpi la malriĉulojn”, kaj la problemo solviĝis.**
**Pri tiaj problemoj la sekvanta artikolo.**

## PRI HOMOJ kaj NOMOJ

Grava tasko de ĵurnalisto estas komunikado. Kaj tiu estu kiom eble plej klara kaj simpla.

Mi ĉiam havas problemojn rilate nomon de homoj. Kutime oni bazas sin sur la naciaj kutimoj, sed kiam oni kiel esperantisto laboras internacie, tio estas neĝusta kutimo.

En Nederlando ĉiu havas (minimume) du nomojn, la “antaŭnomon” kaj la ”malantaŭan nomon”, la lasta de la familio: Jan Smit, Frans Bauer.

Tamen, en aliaj kulturoj la familia nomo ofte estas la antaŭa: Balkány Pál,  Jonas Franz.

La nederlandaj terminoj do internacie ne estas uzeblaj.

Anstataŭ “antaŭnomo” oni ankaŭ uzas la terminon: “baptonomo”. Sed, ĉar granda parto de la homaro ne apartenas al la kristana religio ankaŭ tiu termino ne taŭgas.

Pli bonaj estas la terminoj kiuj estas internacie uzataj inter esperantistoj: persona nomo kaj familia nomo. Sed kiel distingi inter ili? Ĉe la nomo Victor Braun tio eble estas facila, sed rigardu Loyd Franklin, aŭ la nomon de unu el miaj iamaj lernantoj: Mees Vink. Eĉ vortaro ĉi tie ne helpas, ĉar ambaŭ estas nomoj de birdoj, kaj la indiko ke Mees estas mallongigo de la persona nomo Meeuwes nenie troviĝas.

Amiko havas la nomon Tjan Ju Sing - kaj mi scias ke li estas Sinjoro Tjan.

Sed post longa vivo en Nederlando lia familio nun metas la familian nomon Tjan malantaŭe.

Precipe do ĉe nomoj el aliaj kulturoj la enigmoj ofte estas grandaj. Ĉar mia tasko estas eviti miskomprenojn, mi uzas majusklojn ĉe la familia nomo, kiam mi mencias nomon la unuan fojon: Jan SMIT, Frans BAUER, BALKÁNY Pál, TJAN Ju Sing, Mees VINK, Franklin LOYD.

Kelkfoje eĉ tio ne helpas. Kion elekti por la unua prezidanto de la respubliko Indonezia, ĉu SUKARNO, aŭ Sukarno? Ĵurnalisto el Usono, la lando kiu kredas posedi la saĝecon, donis al li la nomon Mohammed SUKARNO... sed vere: li havas nur unu nomon, kaj la aldono Mohammed estas nur fantazio.

**Personaj nomoj.**
Pri la personaj nomoj regas kaosa libereco. Unu persono povas havi plurajn personajn nomojn, ofte por honorigi parencojn aŭ sanktulojn. Kolego mia nomiĝis Apjam JANSEN, ĉar en listoj lia nomo aperis kiel JANSEN, A.P.J.A.M. kaj lia vera kompleta nomo estis:  Antonius Petrus Johannes Adrianus Maria JANSEN, videble el katolika familio.

Kaj flanke de la oficiala nomo oni en la ĉiutaga vivo ofte uzas aliajn formojn. Pro mia oficiala nomo Jacobus, mi povus elekti el: Jacob, Jaap, Jack, Kobus, Koos aŭ Co. En la praktiko oni ĉiam uzas Co, kaj mi en Esperanto-rondoj ekuzis Ko, por eviti misprononcon.

**Familiaj nomoj.**
Tiuj estas pli striktaj, kvankam en Nederlando oni ankaŭ ĉi tie sukcesas krei kaoson, precipe en alfabetaj listoj, kiam la nomo konsistas el pli ol unu vorto, kiel Jan OP DEN VELDE, Kees VAN DER PLOEG, Tinie VAN DER VEEN.

Lernigaj pri tio estas la nomlistoj ĉe Universalaj Kongresoj, en kiuj oni, depende de la koncerna oficisto ĉe UEA povas trovi: Ploeg, K. van der; Ploeg, van der, K; aŭ Van der Ploeg, K.

Malgraŭ la nederlanda kutimo dishaki la familian nomon en du partojn kaj listigi tiun Kees sub P: Ploeg, K. van der - mi ĉiam listigas laŭ la vera familia nomo kaj metas lin sub V: Van der Ploeg, K.

Parencoj en Usono kaj Kanado jam ne plu konas la problemon, tie ili nomiĝas Vanderploeg, Vanderveen, Opdenvelde, Vanderbilt ktp.

Eĉ inter Nederlando kaj Belgio estas diferenco: iam Peter De Coster riproĉis min ke li ne nomiĝas Peter de Coster....

Edziniĝintaj virinoj.

Laŭ la lastaj leĝaj decidoj edzino povas mem elekti la nomon kiun ŝi kutime uzos.

Tial Eva Bruin, kiu edziniĝis al Jan Smit, povas elekti inter la nomoj Bruin, Smit, kaj Smit-Bruin.

Konata nederlanda esperantisto iam tre koleris kontraŭ mi, kiam mi skribis lian nomon kiel Willem Verloren-van Themaat. Mi ja ne estas edzino, li kriis. La problemon kaŭzis la streketo, kiun mi uzis.

**Amuza incidento.**
Kiam mi kun la edzino volis viziti la Universalan Kongreson en Brazilo, ni spertis grandajn problemojn, kaj nur post longdaŭraj diskutoj povis eniri la landon.

Doganisto havigis al ni papereton por plenigi (poste montriĝis ke ĝi estas vizo...).

Kiel familian nomon mia edzino metis: Hammer.

Venis torento da portugalaj vortoj, kaj streko tra la teksto sur la papereto.

Do mia edzino plibonigis la nomon al Van der Veen.

Denove torento da vortoj, sed kompreneble ekzistas solvo. Ŝi skribis nun, laŭ la nederlanda kutimo: Hammer-Van der Veen.

La doganisto nun vere koleriĝis, kaj denove rifuzis akcepti la papereton. Feliĉe ĉeestis Sinjoro Mabesoone, filo de konata nederlanda esperantisto, kaj tiam profesoro en Brazilo.

Pro lia helpo la problemo solviĝis kaj la familia nomo de mia edzino laŭ brazila decido nun estas: “Van der Veen echtgenote van Hammer”, kiel la pasporto diras (“VdV edzino de H”).

Jen ĉio....

Mi esperas ke iu rekompence volas sciigi al mi ĉu Itô Kanzi, kiu sub la nomo “ludovikito” eldonis la plenan verkaron de Zamenhof kaj ankaŭ verkis belajn librojn pri li, estas Sinjoro Itô aŭ Sinjoro Kanzi. (Jes, mi nun scias pro helpo de leganto, li estas Kanzi ITÔ). Kaj kiel kompreni la nomon de Mramba Simba Nyamkinda...? Mi vere ne scias.

Intertempe mi trovis multajn aliajn interesaĵojn pri nomoj - do eble la artikolo estos daŭrigata...

## ZAMENHOF-FESTO

La 15-an de decembro la Internacia Esperanto-Instituto okazigis Zamenhof-feston kun la ĉeesto de 26 personoj venintaj el Belgio, Britio, Germanio, Litovio, Nederlando kaj Rusio.

La ĉefpreleganto estis Grazina Opulskiene, kiu prezentis al la ĉeestantaro sian landon, Litovio kaj rakontis pri la ligoj inter la lando kaj la iniciatinto de Esperanto. La posttagmeza programo komenciĝis per la muzika kontribuo de Woody ten Hagen kun kantoj en Esperanto. Ans Heijstra alportis spican komikan eron al la programo kaj Piet Buijnsters prezentis sian tradukon de "Morto en Venecio" de Thomas Mann. Fine Julija Batrakova kaj Grazina Opulskiene konatigis al la publiko diversajn tradiciajn tipajn dolĉaĵojn el Rusio kaj Litovio, kiujn verŝajne D-ro Zamenhof gustumis dum sia vivo.

Informis: Atilio Orellana Rojas

## IMER

De la 29-a de majo ĝis la 1-a de junio 2008 en mara ripozloko Krajmorie, Bulgario okazos Internacia Mara Esperanta Renkontiĝo (IMER). Krajmorie troviĝas apud la fama havena urbo Burgas ĉe la pitoreska bordo de la Nigra Maro.

Temo: "Originala Esperanto-literaturo", lekcioj, debatoj, distraj vesperoj. Ekskursoj al antikvaj lokoj kaj monumentoj.

Luksa Esperanto-hotelo "Diana": unulita ĉambro por unu nokto 20 eŭroj .

Du-tri kaj kvarlita ĉambro por unu nokto 10 eŭroj.

Aliĝkotizo: ĝis la 31-a de marto 2008 10 eŭrojn. Ĝis la 30-a de aprilo 15 euroj. Poste: 20 eŭroj.

Por pliaj informoj: Georgi Mihalkov (Julian Modest), "Nadeĵda" V, bl. 529, vh. A et. 9 ap. 33,

BG 1229 Sofia, Bulgario, / tel: +359 2 934-42-55,
poŝtelefono: + 359 0889-137-555,
retadreso: modest@abv.bg

## 4-a IBERIA RENKONTIĜO

La 4-a Iberia Renkontiĝo okazos la 14-an, 15-an kaj 16-an de marto en Benicássim, ĉarma ĉe-mediteranea urbo, fama i.a. pro la internacia muzik-festivalo. (ĝi atingeblas rektatrajne ekde Barcelona)-

Laŭ lastaj informoj la programo verŝajne estos unu el la plej riĉaj kaj eventuale ni ĝuos muzikan vesperon. La lokaj organizantoj multon sukcesis el la loka magistrato kaj ni disponos je amasloĝejo por tranokti kaj je pluraj urbaj spacoj por aranĝi ĉiuspecajn aranĝojn.

Oni petas partoprenontojn aliĝi kiom eble plej frue, por peri hotelojn aŭ pretigi amasloĝejon. Ankaŭ por kalkuli la dimanĉan "paella"-umadon.

Pliaj informoj ĉe:
<http://www.esperanto.cat/ir2008/>.

## SE VI INTENCAS VIZITI SVEDION...

De la 11-a ĝis la 14-a de junio en Västerås, Svedio, okazos diversaj prezentaĵoj en Kulturvilaĝo apud la lago Mälaren. Samideanoj posedas tendon kie oni donas enkonduklecionojn, E-muzikistoj provludos por granda koncerto en la koncertdomo la 15-an de junio. Akceptis ludi La Perdita Generacio, Jomart, Natasha kaj Carina. Ankaŭ Mehdi Martin Strid, Kaj Stridell kaj Kim Henriksen. Biletoj 145 Sv.Kronoj. Info: <w.posthuma@esperanto.se>

## VOLAS KORESPONDI

Mi estas hungara esperantisto, 46 jaraĝa kaj mi serĉas personojn kiuj volonte korespondus por ekzerci la lingvon.

Korespondado eblas aŭ rete, aŭ paperpoŝte, kaj sendependas de la aĝo. Ne gravas, se vi ne estas diligenta korespondemulo, skribu unu leteron almenaŭ monate.

salute: Gábor GRAF

8060 MÓR, Mátyás király utca 93. Hungario.

## ESPERANTO en MAROKO

Betty Chatterjee (Danio) skribis : "Reta renkontiĝo" :

Antaŭ naŭ monatoj mi konatiĝis kun esperantisto en Maroko pere de Skype. Li ne konas aliajn samideanojn en sia regiono, li mem lernis la lingvon pere de koresponda kurso kaj li povas praktiki la lingvon nur pere de la retaj kontaktoj.

Li mem ne posedas komputilon; li devas piediri 8 kilometrojn al la bushaltejo por poste veturi 26 kilometrojn al la plej proksima urbo, Beni Tajjit, en kiu troviĝas retejo.

Mia amiko nomiĝas Boughoud Si Abdelkrim, sed li simple subskribas siajn mesaĝojn kiel Karim.

Li estas instruisto kaj alte taksas siajn berberajn lingvon kaj kulturon, kiujn li dividas kun siaj lernantoj. Karim egale estimas Esperanton. Li komencis instrui Esperanton al siaj lernantoj; Ĝi signifas al li la esperon por la estonteco, por li mem, sed ankaŭ por la infanoj.

Boughoud Si Abdelkrim kaj la infanoj en tiu ĉi vilaĝo meritas nian apogon. Kiel vi apogu ilin? Tre plaĉus al Karim kaj liaj lernantoj, se vi sendus al ili kuraĝigajn leterojn kaj poŝtkartojn. Jen lia adreso :

Si Abdelkrim Boughoud, Ait Sbaa Elkadima,
CP/61100, Beni Tajjit, Maroko.

<www.boughoud.blogspot.com>.

## AKTUALE 400 000 POLOJ RICEVIS ESPERANTO-KURSON

En septembro 2008 ĉiuj legantoj de la prestiĝa pola tutlanda ĵurnalo Gazeta Wyborcza ricevis kun la gazeto ankaŭ kompakt-diskon kun kurso de Esperanto kaj ampleksa prezento de la Esperanto-movado.

La diskon laŭ mendo de la urbo Bjalistoko produktis la teamo de E@I (ikso.net), kaj la eldonon financis la urbo mem. La eldono de la disko estas parto de granda informa kampanjo pri Esperanto, iniciatita de la urbo Bjalistoko lige kun la Universala Kongreso de Esperanto, okazonta en la naskiĝurbo de Ludoviko Zamenhof en 2009.

Legu pli: <http://www.liberafolio.org/2008/bjalistokakd/ >

## BONVENON AL LA SEPA TUTAMERIKA KONGRESO 2008.

Nome de la Amerika Komisiono de UEA kaj de la loka preparkomitato de la sepa TAKE ni alvokas vin aliĝi kaj partopreni la plej gravan regionan eventon de la Amerikoj.

De la 12-a ĝis la 18-a de julio 2008, Montrealo gastigos la 7-an Tut-Amerikan Kongreson de Esperanto, kiun ĉeestos esperantistoj ne nur el la Amerikoj. Venu kongresi en montreala etoso!

TAKE estas kongreso kiu okazas ĉiun trian jaron, starigita de la Amerika Komisiono de Universala Esperanto-Asocio. La ĉi-kongresa temo estas: Ekosistemoj, lingvoj, kulturoj: diverseco por daŭropova evoluigo en la Amerikoj. Estos planitaj prelegoj pri tiu temo. Krom tio estos, interalie, spektakloj, ekskursoj tra la urbo, kaj bankedo. Samtempe kun TAKE, okazos la jara renkontiĝo de Esperanto-USA. Ni esperas bonvenigi inter 100 kaj 200 partoprenantojn.

La kongresa urbo buntas je aktivaĵoj. Festivaloj, kiel la Ĵaz-festivalo, la humur-festivalo “Juste pour rire”, kaj la piroteknik-festivalo, distras la urbanojn.

Informojn ĉe: < informo@take7.ca>. Ni invitas vin viziti la retejon: <www.take7.ca>

Maritza Gutierrez

**ESPERANTO VIVAS -**
**ESPERANTO UTILAS -**
**ESPERANTO DONAS FELIĈON**
**sed....**
**NUR SE VI UZAS ĜIN !**

## INTERNACIAJ INSTITUCIOJ

Esperanto-centroj por studi kaj ferii aŭ por renkonti samideanojn.

Petu informojn pri ebloj kaj prezoj.

**Kulturdomo de Esperanto**, Kastelo Grésillon,
FR-49150 Baugé, Francio. Tel. 00 33 2 41 89 10 34.
Rete: <grezijono.kastelo@free.fr>.
TTT-ejo: <http://www.gresillon.org>.

**Esperanto-Centro Kvinpetalo**, Rue du Lavoir,
FR-86410 Bouresse, Francio. Tel. 00 33 5 49 42 80 74.
Rete: <kvinpetalo@club-internet.fr>.
TTT-ejo:
<http://www.hometown.aol.com/yannickdum/kvinpetalo.html>.

**Kultura Centro Esperantista**, C.P. 311 / Postiers 27,
CH-2301 La Chaux-de Fonds, Svislando,
Tel. 00 41 3 29 26 74 07,
Rete: <kce.esperanto@bluewin.ch>.

**Esperanto-Gården**, SE-68096 Lesjöfors, Svedio.
Tel. 00 46 59 03 09 09,
Rete: <egarden@esperanto.se>.

**Interkultura Centro Herzberg** / DE-37412 Herzberg/ Harz / Grubenhagenstr. 6. Tel: +49/(0)5521-5983 / <www.ic-herzberg.de>.

## KONTAKTO kun la ASOCIO

Ĉu vi serĉas kontakton kun la asocio? Por tio sufiĉas kelkaj adresoj, kiujn vi facile povos memori. Jen ili estas:
**sekretario@esperanto-nederland.nl (Alfons)**

Por normalaj komunikoj al la estraro kaj korespondo.
**estraro@esperanto-nederland.nl (estraro kun Ineke)**

Por aferoj tiom gravaj ke la kompleta estraro tuj konu ilin.
**prezidanto@esperanto-nederland.nl (Ans Bakker)**

Por kontakto kun nur la prezidanto.
**kasisto@esperanto-nederland.nl (Els ten Hagen)**

Por korespondo pri financoj, kotizoj, fakturoj ktp.
**membroj@esperanto-nederland.nl (Remment)**

Por transdoni ŝanĝojn en adresoj, telefon-numeroj ktp, aŭ pri mankantaj numeroj de Fen-X.
**redakcio@esperanto-nederland.nl (redakcio Fen-X)**

Por ĉio kio rilatas al la ENHAVO de Fen-X, do ne por transdoni adresŝanĝojn, kaj ne por peti mankantajn (aŭ ne-ricevitajn) numerojn ktp.
**informado@esperanto-nederland.nl (Joke)**

Komunikoj pri Esperanto kiujn vi volas transdoni al gazetoj, radio-stacioj ktp. Ankaŭ proponoj kaj ideoj pri tio estas bonvenaj.

**retejo@esperanto-nederland.nl** (“website”-grupo: Ineke, Joke, Bert Klijn kaj Johan vd Hoek)

Komunikoj ekz. pri kunvenoj, kiuj estu elektrone troveblaj per interreto, invitoj al kunvenoj, adresoj de lokaj aŭ regionaj kontaktpersonoj.
**info@esperanto-info.nl** kaj
**info@esperanto-nederland.nl (Ineke E.)**

Ĉi tie vi povas peti informojn, kaj ankaŭ mendi informilojn, broŝurojn ktp.
**studosemajnfino@esperanto-nederland.nl**
**(Joeri Smolders)**

Ĉi tie vi povas aliĝi al studo-semajnfino, aŭ peti informojn pri ĝi.

## INTERNACIA ESPERANTO-MUZEO EN VIENO

En nove restaŭrita palaco en la centro de Vieno. Adreso: Kolekto por Planlingvoj kaj Esperantomuzeo, Palais Mollard, Herrengasse 9, AT 1010 WIEN.

La deĵoraj horoj estas:
Esperantomuzeo: lunde ĝis merkrede, vendrede, sabate 10h00 - 14h00 / ĵaŭde 15h00 - 19h00

Kolekto por Planlingvoj: lunde ĝis merkrede, vendrede 9h00 - 16h00 / ĵaŭde 12h00 - 19h00

Poŝtadreso: Sammlung für Plansprachen und Esperantomuseum der Österreichischen Nationalbibliothek (Kolekto por Planlingvoj kaj Esperantomuzeo), Josefsplatz 1 / Postfach 308 / 1015 Wien. - Kathrin Delhougne, / Tel.: (+43 1) 53410-732.
<kathrin.delhougne@onb.ac.at>.
<plansprachen@onb.ac.at>.
<http://www.onb.ac.at/sammlungen/plansprachen/index.htm>.

**Alia muzeo:** Esperanto-Muzeo en San Pablo de Ordal, Barcelono, Hispanio.

Fondita dum la 10-a Barcelona Esperantista Renkontiĝo, 1968. Vidu la Jarlibron de UEA.

